Mi vidas Vigo-n, mi vidas Cangas-on,
ankaŭ mi vidas Redondela-n,
mi vidas Ponton de Sampaio
survoje al mia lando.

La strato plej populara de Vigo estas "El Príncipe". Vi ankaŭ promenu tra la moderna Gran Via, la strato Policarpio San; tio tre plaĉis al la "Cervantes" de la galega lingvo, la verkisto Otero Pegrayo. Se vi iras al la "rua" = strato Carral, kiu situas sur forta deklivo, vi troviĝos sur taŭga vojo por viziti la placon de la Konstitucio, iri al la Katedralo, al la Laxe, kaj rigardi la pordon de Gamboa, fama en la lukto kontraŭ la franca invado. Se vi deziras ripozi, kaj cerbumi pri la kongresaj temoj, iru al la ĝardenoj de la Alameda, Eijo Garaj, ĉiam apud la maro. Sendube la L.K.K. jam organizis kelkajn ekskursojn, sed permesu al mi sugesti iujn vizitojn: Sotomayor, kun sia impona kastelo, Bayona de Miñor kaj Bayona de Oya, kun sia monaĥejo, la fiŝkaptista urbeto La Guardia...

Evidente vi havos specialan okazon gustumi la konkajn moluskojn, ĉar en tiu aspekto de la gastronomio Galegujo estas vera paradizo. La ostroj, mituloj, palinuroj, kankroj kaj multaj aliaj maraj krustuloj, krom la polpoj kaj trutoj, sendube malfermos vian monujon, ĝuigos vian palaton kaj plenigos vian stomakon, ĉar la galegaj kuiristoj estas majstroj en tiu arto. Vi ne forgesu la viandon, la kapridaĵon de Tierra Montes kaj la bifstekon bovinan de paŝtejoj Moaña aŭ de Meiras. Ĝi estas reĝa manĝaĵo, atentu, vi ne forgesu aldoni la famajn vinojn de Condado de Salvatierra, de Ribeiros, Meder, Condado...

Samideano, iru al Vigo, via bankokonto ne tiom maldikiĝos, sed via vivo estos tre feliĉa.

Krome pri la Kongreso de Vigo oni diras: Ke estas devigo iri al Vigo.

**Luis Serrano Pérez**





# HEJS. ATOCHA 98 – M A D R I D O

**JUNULARA SEKCIO DE HEF KAJ LANDA SEKCIO DE TEJO ZARAGOZA – 86**

10a RENKONTIĜO DE HEJS. 27a – 30a DE MARTO
(Provizora programo)

| | | |
|---|---|---|
| ĴAUDO, 27a: | 20a horo: | Interkona Vespero |
| | | Disdonado de dokumentoj |
| VENDREDO: | 10.30a horo: | Oficiala malfermo |
| | 11.30a horo: | Elementa kurso de E-o (1-a sesio) |
| | | Fakaj kunvenoj: Junaj verkistoj |
| | 13.00a horo: | Vizito al la urbo |
| | 17.00a horo: | Ordinara kunveno de HEJS |
| | | Elementa kurso de E-o (2-a sesio) |
| | | Fakaj kunvenoj: KAPE |
| | 21.00a horo: | Distra kunveno en trinkejo |
| SABATO: | 9.30a horo: | Sporta praktikado |
| | 11.30a horo: | Elementa kurso de E-o (3-a sesio) |
| | | Fakaj kunvenoj |
| | 12.30a horo: | Vizito al la Aljafería |
| | 17.00a horo: | Prelegos akademiano FERNANDO DE DIEGO. |
| | | Eventuala posta debato |
| | 20.00a horo: | Komuna foto |
| | 21.30a horo: | Kuna noktomanĝo |
| DIMANĈO: | 11.30a horo: | Elementa kurso de E-o (lasta sesio). |
| | 12.30a horo: | Debato (kiel atingi bonan lingvokapablon) |
| | 17.00a horo: | Fermo de la Renkontiĝo |






# 71a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

PEKINO, ĈINIO, 26an julio – 2an aŭgusto, 1986
Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176.
NL – 3015 Rotterdam, Nederlando.
Adreso de LKK: p/a ĈINA ESPERANTO–LIGO
P.O. KESTO 825, BEIJING, PR. ĈINIO




Prezidanto de la Honora Komitato, s-ro Huang Hua, la unua ĉina ambasadoro ĉe UN.

**Statistiko:** Ĝis la 21a de novembro estis enskribitaj 1054 aliĝintoj el 49 landoj. El Hispanio 19.

**Kotizoj:** Individua membro de UEA 187,50 gld = 9.800 p-toj.

**Vojaĝoj:** La flugo el Hispanio al PEKINO kaj reflugo kostos ĉ. 150.000 p-tojn, kaj la LKK rekomendas faru tuj, kaj ne lastmomente, la demarŝoj pri la loĝado kaj ekskursoj en PEKINO.

**HISPANA DELEGITARO:** Ankoraŭ oni ne decidis, kiuj aliĝintoj al la 71a UK reprezentos nian landon; interesiĝantoj bonvolu skribi al la HEF-sekretario en Barcelono por pritrakti, kiujn taskojn ili povos plenumi en PEKINO.

---

Neurim, Israelo, 14-21 aŭgusto, 1986

**42a Internacia Junulara Kongreso de Esperanto.**
Adreso de la LKK: 42a IJK POK. 22041
IL–61220 TEL–AVIV, ISRAELO.

**KONDIĈOJ:** La plena kongreskotizo rajtigas loĝadon, manĝojn kaj partoprenon en ĉiuj kongresprogramaj aranĝoj. Kiel aliĝdato validas la dato de ricevo de la kompleta pago.

**KOTIZOJ:** Aliĝo ĝis la 1a de majo: ĝis 21 jaroj .......... 15.000 p-toj.
ĝis 26 jaroj .......... 20.000 p-toj.

Petu pliajn informojn al la LANDA SEKCIO DE TEJO en Hispanio: HEJS, strato Atocha 98, 4. MADRIDO.

# 59a SAT KONGRESO DE ESPERANTO
# San Cugat del Vallès (Barcelono)

**De la 2a ĝis la 9a de aŭgusto, 1986.**

SKIZA PROVIZORA PROGRAMO

Sabaton, 2an aŭgusto: Interfratiĝa vespero.
Dimanĉon: Solena malfermo. Vizito al la Monaĥejo. Teatraĵo.
Lundon. Unua laborkunsido. Fakaj kunvenoj. Vizito al Barcelono.
Marton: Fakaj kunvenoj. Amuza vespero.
Merkredon: Parolado. Fakaj kunvenoj. Vizito al Muzeoj de Sabadell kaj Terrassa.
Ĵaŭdon: Tuttaga ekskurso al Montserrat kaj Sant Pau d'Ordal, kie oni vizitos la Hispanan Muzeon de Esperanto.
Vendredon: Rezolucia laborkunsido. Fermo de la Kongreso.
Sabaton, 9an aŭgusto: Ĝis revido!
En la liberaj horoj okazos "Artaj, Sciencaj kaj Kulturaj Horoj.

**Kongreskotizoj en pesetoj.**

| | Aliĝo ĝis 31-3-1986 | Aliĝo post 1-4-1986 |
|---|---|---|
| SAT-membro | 5.000 | **5.500** |
| SAT-geedzoj | 8.500 | **9.500** |
| SAT-junuloj 15-25 jaraĝaj | 2.500 | **2.500** |
| Gastoj | 6.750 | **7.500** |
| Gastoj junuloj 15-25 j. | 3.000 | **3.000** |



– Subtenantoj pagu laŭvole, sed kiu pagos minimume 2.000 pesetojn, tiu rajtos ricevi la kongresmaterialon.
– Viajn pagojn por la 59-a SAT-Kongreso, bonvolu sendi per registrita ĉeko de via banko aŭ ŝparkaso al ASSOCIACIÓ CULTURAL ESPERANTISTA-59-a SAT-Kongreso, kontnumero 900-11357-19 BANC DE SABADELL - Sabadell (Barcelono); aŭ per poŝta ĝiro al la kasisto Vicente Hernández Llusera, Av. Onze Setembre 59, Sabadell (Hispanio).
– La kotizo ne estas repagebla se la kongresano ne ĉeestas la kongreson.
– La aliĝilo kaj restadrezervigo estas traktata post ricevo de la koncerna pago.
La Antaŭkongreso en "Valo Ordesa" (Aragona Pireneo) 26.07 – 01-08-1986
Informojn kaj aliĝilojn petu al la ORGANIZA KOMITATO.
K-do Antonio Marco Botella. Av. Compromiso Caspe 26 E-50002 ZARAGOZA.

# POEZIA ANGULO

## KARNAVALO

**Al Maria Markova**

Bakanal'! Parade dancu
ĉar jen: alvenis Karnaval'!
Amuzu, moku, furioze
senbridiĝu. Gaj' eluzu
Simieske tiun revenkon
paganan. Impete, groteskte
Batu ĉian falsan konvencion,
senmaskigu per maskoj ĝin! Ŝatu
Glorojn de libero en tagoj
efemeraj. Baldaŭ morojn
Rigidajn. Invadu la stratojn,
festumu festenojn senbridajn,
Psikon liberigu kaj korpon
Adoru fervore la riskon.
Rapidu, ĉar fasto karesma
galopas. Plezuron avidu!
Karnaval' fariĝas la vivo
kiam martumas Karnaval'!

**Johano Vélez**

## ĈE STELOJ...

Antaŭtempe, mi serĉis ĉe la nokta dekoro,
tra la senfunda fundo de la nigra senfino
iun stelon magian, kiu, –bona feino–
realigus la revojn de mia juna koro.

Ĉiu kometo brila tra l' tuta firmamento
jam ŝian nomon konis kaj la deziron mian,
sed neniu plenumis ĉi esperon pasian
kaj tra la temp' sveniĝis la romantika sento.

Ankoraŭ, mi denove la ĉielon rigardas
kiam serena nokto la nigron steloplenas
kaj ĉe la kor' eniĝas nedefinebla tristo.

Sed nun, revajn dezirojn la koro ne plu gardas
kaj nur la nomo ŝia al la memoro venas
kun romantika, dolĉa, senespera persisto.

**José F. Arroyo**
**(Originale en E-o)**

# 47a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Madrido de la 16a ĝis la 20a de Aprilo 1987**
**SUB LA HONORA PREZIDANTECO DE LA HISPANA REĜO JUAN CARLOS 1a**

**LOKA KONGRESA KOMITATO, Atocha 98, 4°, 28012 – Madrido**

Prezidanto: Augusto Casquero de la Cruz
Sekretariino: Ana Montesinos
Kasisto: Francisco José Platas
Eksteraj rilatoj: Gian Carko Fighiera

MADRID 500




Kara samideano: Kiel vi jam scias, en la jaro 1987, Jubilea Jaro, okazos en Madrido, la 47a Hispana Kongreso de Esperanto, sub la Honora Prezidanteco de la Hispana Reĝo Juan Carlos 1a.

Ni ĉiuj deziras, ke tiu kongreso montru al ĉiu ne esperantisto, tion, kio estas Esperanto kaj kiaj estas la esperantistoj.

Tamen, por bone atingi la celojn, ni bezonas la helpon de ĉiu esperantisto en Hispanio. Kaj la unua helpo devas esti la aliĝo kaj partopreno en la kongreso.

Ĝis nun la meza kvanto da partoprenantoj en niaj hispanaj kongresoj estis 300. Por la Jubilea Jaro, ni esperas atingi minimume 500. Por tio, estas necese ke ni ĉiuj aliĝu, sed NUN, la frua aliĝado, helpos la organizantojn por pli bone, brile kaj sukcese organizi ĝin.

Tiel do, ne atendu ĝis la lasta momento, ALIĜU JAM, kaj konvinku viajn samgrupanojn al baldaŭa aliĝo.

La JUBILEA JARO devos esti la JARO DE ESPERANTO en Hispanio.

Ni atendas vin en Madrido.

Elkorajn salutojn, kaj ĝis baldaŭ

**LOKA KONGRESA KOMITATO**

# LA KOTIZOPAGOJ

Jam de kelkaj, jaroj mi okupiĝas pri la kolekto de kotizoj por diversaj esperantaj revuoj, ĉu enlandaj, ĉu internaciaj. Mi devas konfesi, ke tiu tasko tre plaĉas al mi, tamen estas momentoj en kiuj mi ĉagreniĝas, kiam la tagoj kaj la monatoj forpasas kaj la atendataj pagoj de la kotizoj ne alvenas.

Evidente, multaj esperantistoj ne meritas ĉi tiujn kritikojn, sed la vero estas, ke granda procento de la esperantistaro tre neglektas la pagon de la abonoj al la revuoj kaj la kotizon de sia membreco. Tio ja estas vera malhelpo por la bona funkciado de ĉiu organizaĵo.

Hodiaŭ la Esperanto-movado vivas danke al la mona subteno devenanta de sia membraro. La oficialaj helpoj, almenaŭ en la nomataj okcidentaj landoj, estas sensignifaj. Do se la membroj ne sendas akurate siajn kotizojn aŭ abonojn kaj eĉ la donacojn, la financa planado por kiu ajn organizaĵo fariĝas tre malfacila, komplika kaj riska por la respondeculoj.

Ofte ne gravas la kvanto da membroj, sed tio, kion vere deziras koni la respondeculoj de kiu ajn esperantista organizaĵo estas la financa rimedo... por la longa jaro, kaj surbaze de tiu monkvanto starigi la akdekvatan buĝeton. Se ne ekzistas bona organizo de la monaj rimedoj, neniu societo sukcesos.

La ĝustatempa alveno de la abonoj kaj kotizoj estas kuraĝigilo por tiuj samideanoj, kiuj tiom entuziasme laboras por nia idealo. Do, mi petas al vi ĉiuj, karaj gesamideanoj, pagu viajn abonojn akurate, sendu tuj la kotizojn al la organizaĵoj al kiuj vi apartenas. Tamen se ial vi ne plu deziras aboni revuon aŭ aparteni al iu organizaĵo bonvolu tiun tuj sciigi, jes kara amiko, eĉ tiumaniere vi helpas la laboremajn esperantistatojn.

Estas jaroj, en kiuj 40 procentoj de la membraro ne pagis sian abonon, dum la tempo anoncita de la revua administrejo. Tio estas terura dubo por la administrantoj, ĉar oni ne scias, kiom da revuonumeroj oni devas eldoni. Jes oni povas sendi la revuon remburse, sed tio estas malbona solvo, ĉar la afranko tre plialtigas la prezon. Krome se la remburso estas resendita, la kostoj fariĝas multe pli altaj. Estas la poŝta ĝiro la plej bona pagosistemo, aŭ pere de bankoĉeko, se via banko ne postulas kroman pagon por trakto de la ĉeko.

Anekdote, mi rakontas al vi agon de samideano, kiun neniel vi devas imiti; ĉar mi estis certa, ke li ricevis la revuojn, je la mezo de la jaro mi persone petis al li la koncernan pagon. Li ne volis pagi al mi kaj inter aliaj senkulpiĝoj li diris: tio estas kiel en UEA, se oni ne pagas dum pluraj monatoj, fine ili ne plu sendas la revuon kaj ĉio estas finita. Ne imitu lin, estu honesta.

**Luis Serrano Pèrez**

# REE PALINDROMOJ !!

Publikiginte kolekton da ili en la organo de HEF, sincere mi ne povus supozi, ke ekzistas tiom da kuriozaj kaj senchavaj frazoj ambaŭdirekte legeblaj. Feliĉe, post mia alvoko en BOLETIN de marto-aprilo nunjara, mi ricevis rekte de d-ro Olavide, el Zaragozo, konsiderindan nombron da palindromoj, zorge kompilitaj aŭ mem eltrovitaj de li. Sekve, danke al lia afableco, mi transkopiis por la legantoj de BOLETIN jenan duan liston da palindromoj:

**En kastilia lingvo:** "Lata fatal (sin anís)"; "Siete metéis (son alanos)"; "Amor a Roma"; "Nadas a Caracas, Adan"; "La musa mima su mal"; "Sabadell amaba; mal le dabas"; "A mamá Roma le aviva el amor a papá, y a papá Roma le aviva el amor a mamá".

**En Esperanto:** "Jaroj oraj"; "Kaŝa ŝak' "; "La mina animal' "; "En am' soneton Otono (1) tenos mane"; "... vorto, verki, vero, valo; kun nuko, lavo, revi, krevo, trov' ..."; "En bus'; sub, ne!"; "i (2) latine brua, la urb' en Itali' "; "Sur NATO (OTAN), rus' ?"; "Nepa pen' "; "Kola lok' "; "Mara ram' "; "Voma mov' "; "Dia id' "; "Roka kor' "; "Kova vok' "; "Nila lin' "; "Oskula lukso"; "Tra malam', art' "; aŭ "Tra la malam' al art' "; "Oni amas nin... sama ino"; "Ter' aromas samas amora ret' "; aŭ "Ter' aroma: amora ret' "; "Amota urb' ... nun bru' atoma"; "En maj'; nun jam ne"; "Sone, tamen, maje, kuris al urbo inoj; unu jonio brulas; iru, ke jam ne matenos"; aŭ "Sane..... matenas"; "Moka kom' "; "Moda dom' "; "Kafa fak' "; "Vera rev' "; "Lita til' "; "Barka krab' "; "Luma mul' "; "Ŝuta tuŝ' "; "Gala lag' "; "Luna nul' "; "Nuda dun' "; "Mita tim' "; "Lekata kel' "; "Malfama flam' "; "Onana nano"; "Opaka kapo"; "Orelo, kolero"; "Oreleto, telero"; "Luka kul' "; "Kulpus sup', Luk' "; "Amerika, akirema!"; "Same ili emas"; "Li meritas, satire, mil"; "Lin eĉ baras arab' ĉe Nil' "; "Karb', jako kaj brak' "; "En oro do, odoro... ne!"; "Ni ĝuu ĝin!".

Kaj mi finu, por ke tiu ĉi listo ne fariĝu tro longa, tiom pli, ĉar lastmomente mi ankoraŭ ricevis, de D-ro Olavide, kroman liston, kies publikigon mi provizore rezervas por alia okazo

**V. Hernández Llusera**

(1) Otono = Propra nomo (Wannemakers p. 20).
(2) 1 = 4 MII por itala lingvo (PIV p. 406).

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

La translokiĝo de la sidejo de HEF al la barcelona urbo, able okazigis kelkajn erarojn en la adresaro. Pro tio, ni petas al la membroj, kiuj ne ricevis kelkajn el la lastaj 5 bultenoj de la pasinta jaro, bonvolu informi nin pri kiun ekzempleron ili ne ricevis, tuj la sekretario sendos la bultenon.

Kiam vi sendas poŝtan ĝiron, aŭ ĉekon al la konto en nia ŝparkaso aŭ al nia sidejo, bonvolu sendi samtempe leteron, indikante vian adreson kaj kion vi paĝas. Ĉar oni konstatis, ke kelkefoje la Ŝpara Kaso perdas la kvitancon, kaj malgraŭ tio ke la kotizo eniras en nian konton, oni ne scias la personon, kiu sendis ĝin.

Se vi leganto, jam sendis vian kotizon, faru same, tiamaniere ni posedos vian ĝustan adreson por prepari la novan adresaron.

La disvendado de la NACIA LOTERIO estis sukcesa; koran dankon al la kunlaborantaj asocioj de: Alicante, Girona, Manresa, Madrid, Santa Coloma de Gramanet, Barcelona, Sabadell, Terrassa, Sant Pau d'Ordal kaj Valladolid.

Sinceran gratulon al la membroj, kiu tre ofereme kunlaboris individue en la disvendado de la loteribiletoj, speciale mi mencias gesinjorojn: Agustin Boix, Andrés Falcón, Pere Morató, Vicente Hernandez, Luis Serrano, Anna Cardo kaj Anna Pedrola.

Memoru, ke BOLETIN akceptas komercajn anoncojn sur la kovrilo, en la lasta paĝo.

**PREZOJ** Tutpaĝa anonco: 15.000 p-tojn
Duonpaĝa anonco: 8.000 p-tojn
Kvaronpaĝa anonco: 5.000 p-tojn

Specialaj prezoj por membroj de HEF, Petojn kaj pagojn sendu al: HEF Carreras Candi34, 08028-Barcelono.

**NOVAJ MEMBROJ**. En januaro aliĝis la jenaj samideanoj: Fernando de Diego, Pablo José Romero, Stella de Caspary, Teodoro Ibañez, Francisco Gimenez, Cayetano Mir kaj Javier Fernández.

**NOVA TURISMA INFORMILO DE BARCELONO**

Ĵus aperis en la turismaj agentejoj, turisma informilo pri la barcelona urbo, eldonita de "Patronat Municipal de Turisme, Av. Paral-lel 202, 08015-Barcelono, tel. (93) 223 24 20, kunlabore kun Hispana Esperanto-Instituto.

Gratulojn al nia membro s-ro J. Climent, pro lia sukcesa agado.

**HEF – Sekretario**
**Victor Ruiz**

# UNIVERSALA ESPERANTO – ASOCIO

**Kotizoj por 1986**

| | | |
|---|---|---|
| MG | Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-Movado | 420 p-toj |
| MJ | Individua Membro kun Jarlibro | 1.040 p-toj |
| MA | Individua Membro Abonanto (ricevas Jarlibron kaj revuon Esperanto) | 2.600 p-toj |
| MJ–K | Individua Membro kun Jarlibro kaj revuo Kontakto (por personoj ĝis inkluzive 25 jaraĝaj) | 1.040 p-toj |
| MA–K | Individua Membro Abonanto (ricevis Jarlibron kaj revuojn Esperanto kaj Kontakto) –por personoj ĝis inkluzive 25 jaroj | 2.600 p-toj |
| SA | Abono al revuo Esperanto, sen membreco en UEA | 1.560 p-toj |
| Kto. | Abono al revuo Kontakto, sen membreco en UEA/TEJO | 780 p-toj |
| SZ | Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio sen membreco | 5.200 p-toj |
| PT | Patrono de TEJO pagas duoble Kontakto (sed ricevas nur unu abonon) por subteni TEJOn | 1.560 p-toj |
| DM | Dumviva membro de UEA pagas por la tuta vivo en unu fojo 25-oblon de la kotizo de MA. Oni ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto kaj se kaj dum oni ankoraŭ estas malpli ol 26-jara, la revuon Kontakto | 65.000 p-toj |

**Klarigo**

MG Temas pri nova, eksperimenta, kategorio kun membreco por la venontaj tri jaroj. De nun eblas aparteni al la individua membraro de UNIVERSALA ESPERANTO–ASOCIO kontraŭ la malalta kotizo de 420 ptj. jare. La novaj membroj MG ricevos, krom la membrokarto, ĉ. 100-paĝan depresaĵon de la Jarlibro, kiu nomiĝos "Gvidlibro tra la Esperanto-movado" kaj estos tiu parto de la tradicia Jarlibro, kiu ne enhavas la adresaron de la Delegita Reto.

Kompreneble, la **kompleta** Jarlibro aperados daŭre por la tradiciaj membrokategorioj de UEA.

Ankaŭ MG ricevos ĉiujare la Estraran Raporton pri la agado de UEA, rajtos partopreni ĝeneralan voĉdonadon kaj do estos plenrajtaj individuaj membroj de la Asocio.

## Grava rimarko

Notu ke ankoraŭ restas validaj konataj rabatoj por kolektivaj abonoj al revuo **Kontakto**, kiu daŭre aperos kun paĝoj verkitaj en facila Esperanto. Minimuma mendo: 10 ekzempleroj. Rabatoj: 40°/o per individua sendado de la revuo; 60°/o per sendo de ĉiu numero en unu sola pakaĵo. Mi aparte rekomendas ĉi lastan solvon, kiu kostas **nur** po 312 p-tojn ĉiu ekzemplero. Jarkolekto: 6 numeroj, kiu venontjare estos dediĉitaj por jenaj temoj: Ĥora kantado; Ĉinio; Reviviĝo de lingvoj kaj de etnaj kulturoj; Morto; Arto kaj literaturo.

---



CONCELLO DE VIGO

CULTURA

| | |
|---|---|
| DATA / REFERENCIA | 18 de decembro de 1985 |
| ASUNTO | acordo Comisión Cultura |

DESTINATARIO

SR.D.JULIO BUENO CORTES
Pi y Margall, 85-1º

C I D A D E.-

O Ilmo.Sr.Alcalde, a proposta da Comisión de Cultura, acordou:

" CONGRESO ESPERANTO.- Examinado o escrito do grupo esperantista "PACO KAY AMO" de Vigo, a Comisión por unanimidade decide aceptar a recepción oficial por parte do Concello de Vigo, dunha representación delegada do Congreso, a entrega de // 400 exemplares do plano turístico de Vigo e subvención da impresión de postales coa vista do Museo de Castrelos para o Congreso por importe de 15.000 (QUINCE / MIL) PESETAS.-"

O que comunico a Vde. ós efectos pertinentes.-

O XEFE DA SECCION,

BIEITO LEDO

# LA FAMILIO DE PASCUAL DUARTE

**CAMILO J. CELA**
Traduko de Fernando de Diego. Eldono de Barcelona Esperanto-Centro. 1985, 163 paĝoj. Formato 18 x 11 cm Prezo 650 p-toj. Mendebla ĉe libro-Servo de HEF

Camilo J. Cela estas la plej elstara nuntempa verkisto hispana. La romano "La familio de Pascual Duarte", aperinta en la jaro 1942, signis turnopunkton en la hispana literaturo, tiam stagnanta post nia kruela fratmilito. Do, kaj la graveco de la aŭtoro kaj la signifo de la verko eksplikas kial ĝia elekto por traduko al esperanto estis trafa decido de Fernando de Diego. Ne vane "La Familio..." jam tradukiĝis al pli ol dudek lingvoj.

La verko estas romano fatalisma. Pascual rakontas unuapersone sian propran historion, siajn sangajn farojn kaj krimojn, kaj kulpas la faton, dum li restas en prizono atendante pagi sian ŝuldon.

Kelkafoje oni divenas en la fundo de lia animo iujn difuzajn bonajn ecojn. Tamen, ia terura krueleco puŝas lin al krimoj senkompataj. Mizero, ignoranteco kaj izolo estas la sociaj ingrediencoj en kiuj sin movas la familio de Pascual. Okazas la dramo en tre povra regiono de Ekstremaduro, en Hispanio, apud la portugala landlimo.

La stilo montras unuavide fortan influon de aliaj klasikaj kaj modernaj hispanaj verkistoj sur la tiam juna aŭtoro. Klaraj spuroj de la Ĉefpastro de Talavera (15a jarcento) troviĝas en la oftaj inversioj Subjekto —Komplementoj— Infinitivo, kiuj donas specialan arkaikan guston al la tuta verko. Aliaj trajtoj memorigas pri "El Lazarillo de Tormes" kaj la hispana pikaresko de la 16a. El la modernaj autoroj, Unamuno per sia "San Manuel Bueno, mártir", transvidiĝas en la strukturo de la romano, kaj eĉ kelkaj el la dialogoj, sobraj kaj trafaj, ŝajnas emani el la lirikaj paĝoj de García Lorca.

Sintakso kaj leksiko de la verko baziĝas sur parolmanieroj popularaj, kiel korespondas al la kruda personeco de la protagonisto, tamen sen slangaĵoj. Ambaŭ, leksiko kaj sintakso, estas artisme ellaboritaj de la aŭtoro. Konsekvence, la popola kaj kulturita planoj de la uzata lingvo unuiĝas en tersa kaj tre vigla rakontado. Rapida esprimiveco, foje pasia kaj tumulta, pelas la leganton de paĝo al paĝo ĝis la fino de la libro.

Tia estas la teksto, kiun tradukisto metis antaŭ sin por ĝin esperantigi. Kiam rezulton li atingis?

S-ro Fernando de Diego faris vere skrupulan laboron. Neniun obstaklon li preterpasis en la traduka-

do, kvankam certe tiaj obstakloj multas pro la populara parolstilo de la rakontanto.

Li aplikis sian propran filozofion pri tradukarto, kiu respondas al koordinatoj tre malproksimaj al tiuj de Kabe. En ĉi verko, De Diego rektigas la menciitajn inversiojn de la originalo, per kio parte malaperas tia arkaika, pikareska gusto kiu spicis la libron. Eble ĉar tia sintakso povus ŝoki ne hispanajn orelojn:

"La conciencia tranquila la tengo". Mia konscienco trankilas.

"Cuando de allí salí". Kiam mi eliris el la stalo.

Pascual uzas tre abunde zoologiajn komparojn kaj popularajn proverbojn, kiujn la tradukisto fidele respegulas:

"... rendida y dócil, como una yegua joven". ...venkita kaj obeema, kiel juna ĉevalino.

"como si fuese una culebra". Kiel kolubro.

"como si fuese una rata". Kvazaŭ rato.

La svarmantaj proverboj, kiuj foje aperas eĉ en triopaj grupoj, prezentas gravan problemon al la tradukisto, ĉar ili povus perdi parton de sia esprimiveco en la traduko. De Diego lerte solvis la problemon, iam per laŭvorta traduko, iam pere de pure esperanta anstataŭa proverbo:

"El pez muere por la boca / quien mucho habla mucho yerra / en boca cerrada no entran moscas". — Kiu multe babilas diras multon neutilan / pro tro da parolo perdiĝas la kolo / en fermitan buŝon ne enflugas muŝo.

La formoj "dronintus, okazintus" kaj similaj aperas tra la tuta verko.

Pli konfliktiva afero estas la leksiko de la traduko. Ĉiu vivanta lingvo —kaj ĉi regulo ne havas escepton— troviĝas en konstanta ŝanĝo, kaj meti limojn al tiu signo de vivanteco estus absurdaĵo. En la traduko de De Diego aperas multaj novaj vortoj, kiun sendube vekos surprizon kaj eĉ koleron en kelkaj esperantistoj. Tamen, verkistoj estas naturaj lanĉantoj de novaj formoj en sintakso kaj leksiko. Tiajn formojn sankcii aŭ forĵeti estas ja la suverena rajto de la esperantista popolo.

Mi nur menciu, ke la uzo de "nul" anstataŭ "neniu", povus eble agadi kiel lancopinto por endanĝerigi la tutan sistemon de la tiel nomataj "tabelvortoj", kiu ne estas arbitra elpensaĵo de Zamenhof, sed ĝerme troviĝas en la hindoeŭropa lingvo de antaŭ jarmiloj.

Entute, la traduko de "La familio de Pascual Duarte" estas ĝojiga evento por la esperantista literaturo, kaj la senlaca laboro de Don Fernando de Diego meritas, unufoje plu, nian plej senrezervan aplaŭdon kaj gratulon.

JES

# PAROLU E-ON.

*PAROLU E-ON. De José F. Arroyo. Formato 30 x 22 cm, 48 paĝoj, kun desegnoj de Carlos F. Arroyo. Metodo por aŭtodidakta lernado de la Internacia Lingvo Esperanto. Eldonis: Tiempo de Ediciones, S.A. Madrid, Prezo 500 p-toj.*

Jen nova elementa lernolibro de Esperanto por hispanlingvanoj, eldonita okaze de la Internacia Junulara Jaro. Ĝi estas bel– kaj modernaspekta pri prezento ekstera kaj pri ĝia enhavo.

Tiu verko konsistas el historieto prezentita per plaĉaj komiksaj desegnoj, dividita laŭ dek kvin partoj kaj lecionoj. Laŭlonge de tiuj lecionoj, kiuj samtempe estas komentarioj pri la argumento sinsekva de la bildoj kaj de ĉiuj novaj bazaj leksikonaj vortoj, la aŭtoro prezentas iom post iom la precipajn partojn kaj trajtojn de la gramatiko de Esperanto per priskriboj kaj klarigoj en hispana lingvo, laŭ maniero tre simpla kaj klara. Jen bona maniero por memlernado –por ekkoni la veran gravecon kaj la senfinan esprimkapablon de la Internacia Lingvo.

Laŭlonge de la tralegado mi malkovris kelkajn preserarojn kaj eraretojn. Estus bone, por reeldono, fari la konvenajn korektojn:

Paĝ. 12: "la kunveno komenciĝos...". Ne. "la kunvenon...".
Paĝ. 13: "ĉiun tagon mi studas...". Ne "ĉiu tago...".
Paĝ. 14: "Kiom da partoprenantoj...", pli bone ol "Kiom partoprenantoj...".
Paĝ. 14: Por elementa kurso pli bone estus "vi devas plenigi tiun (aŭ "ĉi tiun") aliĝilon" ol, tute simple, "ĉi...".
Paĝ. 15: Ne "Kia tago estas hodiaŭ? Hodiaŭ estas dimanĉo", sed "Kiu...". (Laŭ logiko, "Kia tago...? La kvara de aprilo", aŭ "Hodiaŭ la tago estas venta". "Kiu tago...? Hodiaŭ estas dimanĉo".
Paĝ. 16: "Kunporti". Ne "Kumporti".
Paĝ. 20: "Kion vi pensas pri tio...", sed ne "Kiom...".
Paĝ. 22: Ne "globo", sed "balono".
Paĝ. 24: "Hodiaŭ estas bonega vetero". Pli bone: "Hodiaŭ la vetero estas bonega".
Paĝ. 29: Mankas supersigno ne "anstataŭi" kaj "anstataŭo".
Paĝ. 32: Same, en "sufiĉe".
Paĝ. 32: Ne "doni al vi tiun belan pokalon kiel trofeo", sed "... kiel trofeon".
Paĝ. 33: Bone estus klarigi ke plej bone estas "ne manĝante kaj trinkante", anstataŭ "sed manĝi kaj trinki".

PAROLU E-ON ŝajnas al mi tre altira, trafa kaj konvena libro por komencantoj.

O MORA I ARANA




PAROLU ĈION

Verkita de

JOSÉ F. ARROYO

Eldonita de "Tiempo de Ediciones".

PREZO 500 PESETOJ

Mendebla, ĉe Libroservo de Hispana E. Federacio, poŝtkesto 119, 47080 VALLADOLID

Aŭ rekte al la verkisto J. F. Arroyo, Av. Llano Castellano n-ro 11 7a, 28034 MADRID

---

"Al mi multege interesas la Bahaa movado. Ĉar ĝi estas unu el la grandaj mondmovadoj kiuj, simile al nia, insistas pri la frateco de la homaro. Ĝi alvokas, al ĉiuj homoj, ke ili komprenu unu la alian kaj ke ĉiu lernu ami ĉiujn aliajn.

D-ro L. L. Zamenhof

(3an septembro 1913)

Ĉu vi deziras koni ĉi tiun movadon, kiu laboras por atingi, inter aliajn aferojn, starigi la unuecon de la homaro per Universala Lingvo? Skribu al poŝkesto 395 de Cartagena (Murcia) kaj vi ricevos, kiel eble plej baldaŭ, senpagan informilon.

Dankon